APETo
Action pour le Progrès de l'Espéranto au Togo

revuo
# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

n-ro 08 julio – septembro 2014



**K**araj legantoj,

Ĉi julion markas tri ĉefaj eventoj, la fino de la Monda Pokalo (ke oni estu adoranto de futbalo aŭ ne, neeblas ne rimarki ke vento de Brazilo blovas ĉe ni), la dua datreveno de nia revueto kaj la Tago de Esperanto.

Kaj se ni simple profitus tiun ĉi Tagon por pli malkovrigi Esperanton, kiu estas ankoraŭ malmulte konata en niaj ĉirkaŭaĵoj. Necesas, ke ĉiu el ni aktivu, en la limo de siaj kapabloj, por konigi Esperanton.

Dekduo da Esperantistoj ĉeestis la kunvenon *Babilmanĝo* en la ĵus pasinta monato en Lomeo. Kiel kutime, ili ĝuis la etoson... kaj por la novaj partoprenantoj la lingvo Esperanto nun estas realeco por ili.

La venonta kunveno disvolviĝos la 26-an de julio kaj kiel la antaŭaj, ĝi estas malfermita al ĉiu persono interesita aŭ scivola pri la internacia lingvo. Do ne forgesu paroli pri ĝi al viaj ge-amikoj, invitu ilin kaj transdonu al ili niajn kontakt-adresojn.

**[Aĝevi Aĝe]**

*Chers lecteurs,*

*Ce mois de juillet est marqué par trois évènements majeurs, la fin de la coupe du monde (qu'on soit fan de foot ou non, impossible de ne pas remarquer qu'un vent de Brésil souffle chez nous), le deuxième anniversaire de notre revue et la journée de l'Espéranto.*

*Justement si on profitait de cette journée pour faire découvrir de plus près l'Espéranto, qui est encore peu connu dans nos milieux. Il faut que chacun d'entre nous participe, dans la mesure de ses possibilités, à faire connaître l'Espéranto.*

*Une douzaine d'Espérantistes ont participé à la rencontre Babilmanĝo le mois dernier à Lomé. Comme à l'accoutumée, ils ont apprécié le partage... et pour les nouveaux participants, la langue Espéranto a maintenant de la réalité pour eux.*

*La prochaine rencontre aura lieu ce 26 juillet et comme les précédentes, elle est ouverte à toute personne intéressée ou curieuse de la langue internationale. Alors, ne manquez pas d'en parler à vos amis, invitez-les et transmettez leur nos adresses.*

***Adjévi Adjé***

**Universala Esperanto-Asocio** | **AKTIVULA MATURIGO**
Estrara Subteamo: MOVADO

## AMO-seminario de UEA en Togolando 2014

Ĉirkaŭ trideko da Afrikaj Esperantistoj estas atendataj por partopreni en la seminario pri Aktivula Maturiĝo (AMO) de UEA, responde al kapabliga bezono en Lomeo, Togolando, de la 27-a ĝis la 29-a de decembro 2014.

La partoprenontoj estas selektataj surbaze de la lingva scio kaj de aliaj elementoj. Esti funkciulo de landa asocio aŭ de klubo, kie ankoraŭ ne estas asocio povas helpi, sed tute ne ekskludas aliajn kriteriojn.

La akceptataj kandidatoj venas el Benino, Niĝerio, Niĝerlando, Burkino, Ebura Bordo, Ganao kaj Togolando. Du el ili estas virinoj en Togolando. La aĝo de la seminarianoj ne gravas. Tra la unuaj kontaktoj ĉiuj montriĝas entuziasmaj kaj diligentaj.

Ĉeestos aro da Afrikaj instruistoj kaj Eŭropaj i.a la prezidanto de ILEI s-ino Mireille Grosjean. Ŝi prezentos pri la temo "Koridora agado" (lobiado). Aliaj ĉefaj subtemoj estas "Konsciigo en la uzado", "Kreo kaj gvido de kluboj", "Redaktado de retpaĝoj", "Mastrumo de regiona komisiono" ktp. Estos ebleco lerni en tiu ĉi lasta ero pri kiel organizi tian laboron, kunigi fortojn, motivigi homojn. Ĉiu el la seminariaj gvidantoj dediĉos al la gekursanoj po kvar horojn mini-mume, do sume oni laboros por AMO7 pli ol 16 horojn dum du plenaj tagoj.

AMO Togolando okazas sub la aŭspicio de la estraro de UEA, kunlabore inter la Afrika Komisiono (natura kontaktanto por landaj asocioj en Afriko) kaj UTE, landa asocio en Togolando. Ties retpaĝaro: http://unuighotogolandaporesperanto.jimdo.com

Eble vi ne povas fizike esti inter AMO-seminarianoj en Togo-lando, sed vi ja povas ĉeesti la aranĝon, sendante materialon aŭ salutmesaĝon aŭ ankoraŭ donacante monon por ĝi. Subtenante la seminarion, ankaŭ vi pruvas, ke Esperanto estas ne nur lingvo, sed ankaŭ mirinda edukrimedo por tutmonda konscio, efika komunik-ilo por la interŝanĝoj kaj por la porpaca aktivado.

Mondonacoj bonvenas ĉe la konto *Afriko* de UEA kun "mencio AMO7", dum materialon kaj salutmesaĝon oni bonvolu rekte sendi al:

Unuiĝo Togolanda por Esperanto (UTE)
P/a Adjévi Adjé
06 BP. 61807, Lomé -TG, Togolando
E-poŝto: utetogolando@hotmail.com aŭ adjevia@yahoo.fr

## Afrika Kongreso 2016: ĉu vi ne invitas al via lando?




La Afrika Komisiono de UEA invitas vin kandidatiĝi por organizi la 6-an Afrikan Kongreson de Esperanto (AKE) en via lando! La komisiono organizos la kongreson kune kun vi. Limdato por kandidatiĝi estas la 30-a de septembro 2014.

Ekde la benina kongreso jarfine 2013, la Afrikaj kongresoj okazas ĉiun trian jaron inter decembro kaj januaro. Sed la sesa povos okazi iam ajn dum la dua duono de 2016, laŭ la ebloj de la gastiganta lando.

Kion Afrika Komisiono faros? a) konsilos vin, b) varbos por la evento, c) metos informojn en la retpaĝaron kaj vikion de UEA kaj ĉ) donos financhelpon danke al la *Fondaĵo Afriko* de UEA

Kion via teamo faros? a) trovos kaj traktos kun la kongresejoj, b) preparos kongresan programon, c) surloke organizos, ĉ) libro-tenos, d) traktos invitleterojn, e) traktos lokajn kontaktojn, f) eldonos la kongresan kajeron ktp.

Por pliaj informoj kaj sendo de la invitproponoj de via lando kontaktu la kunordiganton ĉe: adjevia@outlook.com

Bonan ŝancon!

**Se laŭ vi lerni Esperanton en la lernejo utilas, eble tio interesos vin:**
**Si selon vous apprendre l'espéranto à l'école est utile cela vous intéressera:**
http://www.avaaz.org/en/petition/Teach_the_children_of_the_world_Esperanto/?kywimfb

## APETo pluigas la tradicion de Babilmanĝo




Malfermita al ĉiu interesita persono sci-volema pri la internacia lingvo, la renkonto *Babilmanĝo* estas organizita de APETo (Asocio por la Progresigo de Esperanto en Togolando). La ĵus pasinta renkontiĝo okazis kun partopreno de 12 ĉeestantoj en Lomeo, sabate la 14-an de junio 2014.

Kiel tradicie, ĉiu prezentis sin Esperante. Kaj gustumante frandaĵojn en gaja etoso, la ĉeestantoj trejnis sin pri vortfarado – ekzerco je kies fino okazis klarigoj kaj konsiloj pri gramatikaj punktoj fare de la plej lertaj Esperantistoj. Ni lernis kaj kantis la himnon *Espero* en grupoj kaj poste unuope, surbaze de tekstoj surpapere disdonitaj antaŭe al ĉiuj. Filmeto pri la kantado estos baldaŭ enmetita en la reto.

*Babilmanĝo* estas unu el la maloftaj manieroj per kiuj Togolandaj esperantistoj, ĉefe lomeaj viglavoĉe ekzercas sin en Esperanto aŭ renkontas eksterlandajn personojn ĉirkaŭ tabloj kun frandaĵoj.

La renkonto estas sukcesa, kiam ĉiuj kunportas kaj proponas ion manĝeti aŭ trinketi meze de diskutoj, ĝi estas interesa kiam ĉe la fino ĉiuj reiras hejmen kun io nove lernita. Tia estis la junia renkontiĝo, kiu estis riĉa je interŝanĝoj kaj malkovroj.

La venonta rendevuo disvolviĝos julie je la 26-a en la sama loko. Kompreneble, oni tiam atendas grandan nombron da parto-prenontoj, ĉar tiufoje la renkontiĝo okazos koincide kun la Tago de Eo kaj la datreveno de nia revueto. Bonvolu do paroli pri la tago ĉirkaŭ vi, inviti personojn kiujn ĝi interesus, transdoni al ili kontaktadresojn de Apeto.




# Esperanto Plus kreskas

Dum tagoj kaj noktoj forpasas, *Esperanto Plus* kreskas kaj baldaŭ nova grupo naskiĝos en Sud-kivuo DR Kongo kun Ĵeremi.

Fakte tiu Esperantisto estas subtenata de sinjoro Philippe Stride (philippe.stride@gmail.com ; La Jossais 22490 Pleslin Trigavou 06 76 29 90 11 ) Esperantisto el Bretonio kiu kun kvin Esperantistoj de tiu regiono decidis krei "Esperanto Plus"-grupon kvankam ili ne estas 15 ĉar Ĵeremi vere bezonas esti subtenata por simple vivi.

Laŭ mi valoros ke ni plifortigu tiun grupon kaj ni ĉiuj povas agi serĉ-ante "*Esperanto Plus*" subtenantajn inter niaj rilatoj. Mi proponas ke vi rigardu tiujn videojn senditajn de Philippe
https://www.youtube.com/watch?v=cu8RjCh2qNk
https://www.youtube.com/watch?v=LM4eqYR5Iv8

Kompreneble ne hezitu kontakti Philippe se vi deziras pli scii pri Ĵeremi li volonte respondos. Tamen mi scias ke Ĵeremi vivis en Nord-kivuo sed pro milit-problemoj li fuĝis en Sud Kivuon.

Alia novaĵo, ankaŭ dank'al Philippe mi bonŝancis kontakti kun "Pekino Ĝoja" Ĉina ĵurnalistino por CRI "Ĉina-radio internacia" kaj ĵus aperis artikolo pri *Esperanto Plus* en tiu revuo: http://esperanto.cri.cn/581/2014/03/19/165s160282.htm

*Esperanto Plus* estas internacia organizaĵo kiu sidejas en Francujo. Ĝi estis iniciatita en 2012 kaj oficialigita en 2013 de sinjoro Jean Pierre Marcq por valorigi la kompetentecojn en Afriko. La asocio de ĝia fondiĝo ĝis nun kreis grupojn de subtenantoj por kotize sub-teni la laborojn de Esperantistoj en Togolando, Malagasujo, Tanzanio, DR Kongolando kaj baldaŭ en Burkino, Senegalo kaj poste en multegaj aliaj Afrikaj landoj.



Jean-Pierre

Pliaj informoj pri Esperanto Plus haveblas ĉe:
contact.esperanto.plus@gmail.com

**Jean-Pierre Marcq**

*Pendant que les jours et les nuits s'envolent l'Espéranto Plus grandit et bientôt un nouveau groupe naitra au Sud Kivu (Congo) avec Jérémie.*

*De fait cet espérantiste est soutenu par M. Philippe Stride, espérantiste de Bretagne qui avec cinq espéran-tistes de cette région ont décidé de créer un groupe "Esperanto Plus", bien qu'ils ne soient pas 15, parce que Jérémie a besoin d'être soutenu pour simplement vivre.*

*Selon moi cela vaudrait la peine de conforter ce groupe et nous pouvons tous agir en recherchant des soutiens "Esperanto Plus" dans nos relations. Je vous propose de regarder cette vidéo envoyée par Philippe*
*https://www.youtube.com/watch?v=cu8RjCh2qNk*
*https://www.youtube.com/watch?v=LM4eqYR5Iv8*

*Naturellement n'hésitez pas à contacter Philippe si vous désirez en savoir plus sur Jérémie, il répondra volontiers. Toutefois je sais que Jérémie vivait au Nord Kivu mais que pour raison de guerre il s'est réfugié au Sud Kivu.*

*Autre nouvelle, également grâce à Philippe j'ai eu la chance de contacter "Pekino Ĝoja" Journaliste chinoise pour CRI (radio Chine internationale) et vient de paraitre un article sur Esperanto Plus dans cette revue:*
*http://esperanto.cri.cn/581/2014/03/19/165s160282.htm*

*Espéranto Plus est une association internationale basée en France. Elle a été lancée en 2012 par M. Jean Pierre Marcq pour valoriser les compétences en Afrique. L'association de sa création jusqu'à maintenant a créé des groupes de soutiens pour contribuer financièrement aux actions des espérantistes au Togo, Madagascar, Tanzanie, au Congo et bientôt au Burkina-Faso et au Sénégal et plus tard dans de nombreux autres pays africains.*

*Pour plus d'informations sur l'Espéranto Plus écrivez:*
*contact.esperanto.plus@gmail.com*

# BOJE Seminarietis



Sabate la 5-an de aprilo 2014 okazis seminarieto fare de Benina Organizo de Junaj Esperantistoj (BOJE) en la ŝtata vartlernejo *Ecole Maternelle Pilote* de Lokossa, Benino. Tiu seminario daŭris kvar horojn kaj arigis plejparte infanojn kaj junulojn el la regionoj de *Lokossa* kaj *Adohoun Kodji* kie estas la lernejo *Jules Verstraeten*. La aranĝo celis montri, al junaj personoj kiuj volonte deziras aliĝi al la movado, la utilecon de Esperanto.

Antaŭ la komenco, GNANCADJA Bernard, prezidanto de BOJE disdonis al ĉiuj partoprenantoj materialojn: kajeroj, skribiloj, krajonoj, liniiloj, kajerujoj kaj fotokopioj pri alfabeto de Esperanto. Poste li prezentis al la ĉeestantoj la historion de la internacia lingvo Esperanto dum preskaŭ unu horo. Sekvis duhora kurseto pri Esperanto sub la gvido de Houssou Ruphino, vicprezidanto de BOJE. Dume, du bildalfabetoj estis surtabule gluitaj. La kursgvidanto voĉlegis la literojn unu post unu kaj la kursanoj ripetis.

Je la fino de la kurseto estis paŭzo dum kiu la junuloj interŝanĝis ideojn kaj tagmanĝis. Post la paŭzo estis la vizito de s-ro Latifou GBADAMASSI, prezidanto de ABeE (landa asocio en Benino) kiu kaptis la okazon por doni al la junuloj utilajn konsilojn por ke ili daŭrigu la lernadon de la lingvo post la seminarieto.

La aranĝo finiĝis per kantetoj por gratuli la ĉeestantojn. Tridek kvin personoj ĉeestis en la seminarieto.

**GNANCADJA Bernard kaj HOUSSOU Ruphino**

# Bonvolu aliĝi!

Por legi la plej freŝajn artikolojn pri Esperanto en Togolando, necesas membriĝi en:
esperanto-en-togolando-subscribe@yahoogroups.com

aŭ viziti la renovigatan retpaĝaron de UTE:
http://unuighotogolandaporesperanto.jimdo.com
En la retejo elŝuteblas ankaŭ la aliĝilo de UTE.

Aliĝo estas malmultekosta kaj ĝi multe helpas la estraron de UTE subteni kaj kreskigi la Eo-komunumon en Togolando.

**Bonvolu aliĝi - ni bezonas vian helpon!**

# Esperanto en la universitato de Kinŝaso

En la ŝtata universitato de Kinŝaso, DR Kongolando okazos grava elpaŝo pri nia lingvo: *"la tuta studentaro kaj opinio sciiĝos pri la neceso de la internacia lingvo. La lernado de Esperanto estas facila kompare kun aliaj fremdaj lingvoj. Dank'al sia eksterordinara propedeŭtika valoro, Esperanto trovas taŭgan terenon sine de la Nacia Pedagogia Universitato de Kinŝaso*". *Pro tio, ni celas organizi prelegon pri nia lingvo,* tiel la organizantoj anoncis la prelegon, kiu okazos en la Kinŝasa altlernejo, la 29-an de novembro 2014.

Laŭ la organizantoj - membroj de DKEA (Demokrata Konga Esperanto-Asocio), unu el la plej aktivaj asocioj de UEA en Afriko *"la lingvo de la paco kaj de progreso bezonas enkondukiĝi en la fakon pri interpretado kaj tradukado sine de la universitato. Tiu ĉi prelego donas al ni oportunan okazon esplori diversajn ilojn pri Esperanto, abundajn dokumentojn kiuj prezentas la utilecon de la lingvo rilate al nia celo, por subteni nian peton al la universitataj aŭtoritatoj pri la enkonduko de la lingvo en UPN.*

Per la prelego kies temo estas: "Esperanto kiel lingvo de la estonteco", la organizantoj intencas komprenigi ke: *"la internacia lingvo Esperanto kunigas ĉiujn popolojn sen la diferenco de kutimoj, de religioj, de rasoj ktp. Ĝi ankaŭ kunigas sociajn grupojn, ĉu studentara, ĉu profesia [...]*".

Almenaŭ niaj Kongaj amikoj komprenas, ke la disvastigo de Esperanto neniom valoras, se la homoj tute ne scias ion pri la lingvo. Jen kial ili informas kaj pli informos. Espereble, la semo de tiu tago portos bonajn fruktojn por la movado en DR Kongolando kaj por la vasta komunumo, ĉar la movado daŭre bezonas novan etoson kaj energion por konstruiĝi.




# Portreto el Togolando

Efoé KOSSI naskiĝis en la 1990-aj jaroj en romkatolika familio. Li estas baptita per kristana rito. Li frekventis bazan lernejon kaj kolegion en sia naskiĝvilaĝo Anjronkope kaj mezlernejon en Vogan. Ekde la jaro 2011 li ekstudas matematikon en la universitato de Lomeo (UL).



En la sama jaro li komencis lerni Esperanton libervole. Li regule lernas la lingvon en la reto, sed li ankaŭ enskribiĝis en Instituto Zamenhof, kie li per koresponda kurso enprofundigas siajn lingvo-konojn. Efoe ŝatas legi, retumi, sportumi, vojaĝi kun amikoj kaj lia ŝatata ludo estas ŝako. Li emas ankaŭ rigardi sciencajn dokumentajn filmojn.

En 2013 li ekkonis pri la ekzisto de Esperanto en la universitato de Lomeo, tra partopreno en seanco pri malkovro de la lingvo, aranĝo tiam organizita de APETo kunlabore kun kelkaj studentoj en UL. De tiam Efoe daŭre estas en kontakto kun la lingvo ĝis nun.

Li ĉeestis la lingvan kurson organizitan en liceo de *Tokoin* sub la gvido de itala esperantistino Paola Giommoni kun helpo de APETo-anoj. Li regule partoprenas en babilmanĝaj renkontiĝoj, en la informado pri Esperanto en UL, kie li ankaŭ klopodas vigligi la klubon post la foriro de ties fondinto. Krome Efoe havas ambicion: revigligi UTEKon, la Togolanda katolika grupo.

En Togolando neniu dubas pri lia seriozeco pro lia kristana bonedukiteco. Li trovas ke oni devas kune labori por kreskigi Esperanton eĉ en dezertoj, ĉar li kredas al valoroj de la lingvo: solidareco, paco, interkompreniĝo, amikeco ktp. Li volonte akceptas korespondpetojn el la tuta mondo. Jen lia adreso:
kossiefoe@yahoo.fr

Pour lire des articles récents sur l'Espéranto au Togo, vous devez vous inscrire à:
esperanto-en-togolando-subscribe@yahoogroups.com
ou visitez le site de l'UTE: http://unuighotogolandaporesperanto.jimdo.com
Avec ce lien: http://unuighotogolandaporesperanto.jimdo.com/ali%C4%9Dilo
Vous pouvez télécharger aussi le formulaire d'adhésion à l'UTE.
L'adhésion est peu coûteuse et elle nous est d'une grande aide pour soutenir et développer la communauté Espérantiste au Togo.

**Veuillez nous rejoindre - nous avons besoin de votre aide!**

## UEA subtenas neŝtatajn kolektojn kaj Esperantajn bibliotekojn

BIBLIOTEKA APOGO BACHRICH EKFUNKCIAS

Danke al malavara donaco de la gefiloj de Johano kaj Maria Bachrich, UEA povis denove starigi fondaĵon por subteni la pliriĉigon de la kolektoj de Esperanto-bibliotekoj. Ekde 1997 funkciis Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen, kies kapitalo elĉerpiĝis en 2011.

Lastatempe la gefiloj de ges-roj Bachrich donacis al UEA 20.000 USD (ĉ. 14.500 EUR) kiel kapitalon de la Biblioteka Apogo Honore al la Geedzoj Maria kaj Johano Bachrich. La estraro de UEA akceptis kun granda dankemo la donacon, kiu laŭ la interkonsento kun la gefiloj Bachrich ebligos subvenciojn dum dek jaroj.




Johano (Juan) Bachrich estis eminenta venezuela esperantisto, kiu naskiĝis en 1921 en Vieno kaj lernis Esperanton en 1938 en Zemun (Jugoslavio). Ekde 1948 li vivis en Venezuelo. Li estis longe la motoro de Venezuela Esperanto-Asocio, kiun li reprezentis en la Komitato de UEA ekde 1978 ĝis sia forpaso en 2005. Li estis ankaŭ mecenato de la Movado, kontribuante i.a. al la realigo de la instruaj videoprojektoj "Mazi en Gondolando" kaj "Esperanto: Pasporto al la tuta mondo". En 2000 li fariĝis honora membro de UEA. Lia edzino Maria, ankaŭ esperantisto, naskiĝis en 1936 kaj forpasis en 2011.

Biblioteka Apogo Bachrich disdonos subvenciojn unuafoje ĉi-jare. Ili estas celitaj al Esperanto-bibliotekoj, kiuj ne estas financataj de ŝtata, urba aŭ alia ne-movada instanco. Diference de la iama Apogo Thorsen, kiu subvenciis nur akiron de libroj, la subvencioj estas uzeblaj ankaŭ por aliaj varoj aĉeteblaj ĉe la Libroservo de UEA.

Por peti subvencion, oni sendu priskribon pri la biblioteko kaj liston de dezirataj libroj aŭ aliaj varoj, ordigitaj laŭ prefero. La petoj atingu la Centran Oficejon de UEA ĝis la 30-a de aŭgusto papere (Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando) aŭ rete al direktoro@co.uea.org

***laŭ: CO de UEA***

---

Afrika Unio lanĉas aktivaĵojn por junuloj okaze de tutafrika kunsido de ŝtatestroj en Vagadugu, Burkino septembre 2014.

Kontribuoj povas esti desegnaĵoj, fotoj, rakontoj ktp.

Temoj estas forigo de malriĉeco, enpovigo de ĉiuj, socia protekto, senlaboreco de junuloj kaj virinoj, migrado pro laborkaŭzoj.

Pripensu, kiel vi povus kontribui.

Kontaktadresoj: < http://www.way.org.my >;

<http://ouagaplus10.au.int/en/forum>

<https://www.facebook.com/pages/Ouagaplus-10/684224981634763 >

kaj https://twitter.com/ouagaplus10

Telefonnumeroj: +6062321871 or +6062322711 Fax: +6062327271

E-poŝto: info@way.org.my

**Mireille Grosjean**

## Projekto por helpi la Afrikan Movadon

Anita Dagmarsdotter vizitis la Afrikan kongreson en Benino kaj pro ŝiaj rakontoj kelkaj Afrikanoj ekinteresiĝis pri nia retejo. Ni nun komencis etan projekton bonvenigante Afrikanojn sperti http://esperantosverige.se kaj kiel funkcias, tiel ke la Afrika Komisiono povas decidi pri kia interreta solvo estas bona por ili. Ankaŭ troviĝas subforumo por la Afrika movado en nia Diskutejo.

La gvidanto Adjévi Adjé estas nia ĉefa kontakto kaj estro de la projekto kun helpo de Anita. Ni helpas per teknika sperto kaj loko en la retejo. La laboro iras malrapide - en si mem signo ke pli rapidaj manieroj komuniki endas. Ĝuste nun vere povas ŝajni sensence por Afrikanoj aliĝi al retejo por Svedio - ĉu ne? - sed kiel ni skribis antaŭe, okazos ŝanĝoj.

Bonvenon al la retejo por esplori la novaĵojn! Se vi volas kontakti min eblas respondi al tiu ĉi novaĵletero, sed mi ĝojus se vi volus ensaluti ĉe esperantosverige.se kaj uzi la Diskutejon. Eble troviĝas aliaj kiuj havas la saman ideon, problemon aŭ deziron kiel vi. Mi pensas pri ESse kiel konstanta kongreso kie ni povas iniciati aferojn, solvi problemojn kaj daŭre labori kune.

Bonvenon!

**Stella (Elfino)**

## Ekoficas la nova Afrika Komisiono




Ĉiun trian jaron okazas elektoj en UEA. Post la elekto de la komitato kaj estraro, okazas tiuj de diversaj komisionoj. En julio 2013 stariĝis novaj komitato kaj estraro de UEA. Poste estas starigitaj aŭ renovigitaj diversaj komisionoj kaj nomumitaj komisiitoj. La Afrika Komisiono estas unu el la komisionoj nun reorganizitaj.

Ĵus aprobite de la estraro de UEA, kiel postulas la regularo, la instanco de UEA pri Afriko, konsistas el naŭ membroj el kiuj estas du el la diasporo. Por la mandato 2013-2016 la komisionanoj estas:

Adje Adjevi (Togolando) – kunordiganto
Jean Codjo (Benino, Kanado) - vickunordiganto
Nelly Masemi (DR Kongo, Brazilo)
Charles Alofa (Benino)
Jeremie Sabiyumva (Burundo)
Evans Ragira Ochoki (Kenjo)
Viktor Lufimpu (DR Kongo)
Eddy Sava Babju (DR Kongo)
Emile Malanda Nianga (Kongo, Sudafriko)

La laboro de la komisiono estas fakte laboro por disvastigi Esperanton kaj plivigligi la Afrikan Esperantistaron. Tio okazas precipe rete per plifortigo de la ligoj en Afriko per interŝanĝo de spertoj kaj opinioj. La komisionanoj estas helpataj en ties taskoj de helpkomisionanoj, kiuj disponas tiucelan komunik-liston sub la mastrumado de la kunordigantoj. Ĉiuj intervenas en la debatoj kaj el la konkludoj de la diskutitaj temoj, la komisiono faras proponon aŭ konsilas al estraro de UEA pri Esperanto en Afriko.

Por havi pliajn informojn pri la funkciado de la Afrika Komisiono, oni bonvolu rigardi ĉe la jena ligo:

http://www.esperanto-afriko.org/afrikakomisiono.htm#934382207

**"Ĉiu el ni devas studi Esperanton kaj disvastigi ĝin laŭ sia eblo, por ke ĝi estu tagon post tago pli vaste konata, por ke ĝi estu akceptita de ĉiuj nacioj kaj registaroj de la mondo, kaj fariĝu parto de la programo en ĉiuj publikaj lernejoj".**

# Kiel subteni la revuon BABILANTO?

**Disponigante monon al la revuo, ekz. 10 eŭrojn aŭ pli.**

**La monon oni bonvolu ĝiri al la konto "apto-c" ĉe UEA.**

**Posta informo al la redaktoro pri la pago rajtigas ricevi ĉiujn numerojn de la jaro.**

**Antaŭaj numeroj estas rete riceveblaj kontraŭ peto al la redaktoro aŭ aliĝo al la tiucela dissendolisto.**
**Tio ebligas ankaŭ ricevon regulan de informoj pri la movado en Togolando.**

**Oni do sendu malplenan mesaĝon al:**

esperanto-en-togolando-subscribe@yahoogroups.com

**Memvolan mondonacon oni sendu al la uea-konto "apto_c" de APETo**


**Redaktoro: Adjé Adjévi**

**Adreso: 06 BP 61807, Lomé-TG;**
**Tel: +228 90 25 75 49, 22 57 22 80**
adjevia@gmail.com
adjevia@yahoo.fr


# Kial la plimulto ne aprecas E-lernadon en Togolando

La plejmulto de la nacia opinio en Togolando ne ŝajnas unuavide apreci la lernadon de Esperanto. Ili diras, ke oni devas lerni la francan aŭ la anglan per kiuj eblas vivteni sin post la studoj. Precipe por ili Esperanto ne donas laborpostenon, ĝi ne estas vaste konata kaj ĝi estas sekto. Ĉiuokaze Esperanto ne havas propran landon, kulturon kaj ekonomian potencon. Plej utile al ili estas lerni la francan lingvon, laborlingvo en Togolando. Tiel pensis ankaŭ mia patro antaŭ dekkvin jaroj.

Laŭ li, gefiloj lernu skribi siajn nomojn kaj kalkuli tio sufiĉas, ĉar malgraŭ ke li mem ne frekventis lernejon, li sukcesas vivteni sin. Se ili scias legi kaj kalkuli en la franca, estas jam bone, kaj neniu povas friponi ilin. Mia patrino tamen malsamopiniis. Ŝi multe laboradis por povi subteni miajn pluajn kaj pliajn studojn kaj tiujn de miaj gefratoj. Mi ne tiam komprenis ŝian sintenon. Ĉar la plej prosksima lernejo estis je pli ol 2 km for de nia domo, mi suferis. Mi piediris tiun distancon dufoje tage dum pluraj jaroj. Nur kiam mi plenkreskis mi ekkomprenis, ke mia patrino sopiris en sia infaneco, ĉar oni rifuzis al ŝi vizitadi lernejon. Oni diris, ke ŝi nur edziniĝos, kaj ŝia devo estos prizorgi la hejmon kaj infanojn.

Por mi ne estis facile samperiode daŭrigi la oficialajn studojn kaj la lernadon de la internacia lingvo dum multaj jaroj kaj provi atingi foran celon, des pli, ĉar neniu povis garantii ke ellernado de Esperanto estos labordona. En la lernejo kelkaj kamaradoj mokis min ekzemple pro tio ke mi ankoraŭ ne bone regis la francan lingvon, ke mi lernas alian. Ili ĉikanis. Tio igis min forta.

Kelkajn jarojn poste mi komprenis, ke per Esperanto oni povas fari ĉion ajn kio eblas fari per la t.n grandaj lingvoj inkluzive laborpostenumi. Kun miaj nunaj spertoj kun la organizaĵo *Esperanto Plus* internacia, kies dungito mi estas, mi povas aserti nun ke per kiu ajn lingvo oni povas feliĉi perlabore, ke oni devas lasi ĉiun trovi sian vojon en la vasta mondo. La plimulto ne ĉiam pravas. Kio estas bona kaj ĝusta al aliaj, tio ne ĉiam estas la sama al ni, kaj reciproke.

Por memorigi, post unuagrada lernado en la vilaĝo Anjronkope, mi revenis vivi en Lomeo, la ĉefurbo de Togolando, ĉe mia patrino en la 1989-aj jaroj. En Lomeo mi daŭrigis la lernadon en kolegio, en meza lernejo poste diplomiĝis ĉe hotel-lernejo *Avenida* en 2007. Ekde tiam mi memstare laboras kiel organizanto de manĝoj, bufedoj ktp. Krom en Esperanto-medio, mi aktivas ankaŭ en la nacia sektoro de turismo kiel sekretario de la federacio de enlandaj profesiaj kuiristoj.

Mi naskiĝis la 7-an de oktobro 1978 en poligamia familio. Mia patro edziĝis kun tri virinoj kaj li havas 28 gefilojn el kiuj mortis unu. Ĉiuj aliaj vivas nun. Li estas emerita masonisto. Li nun loĝas en Anjronkope kun du edzinoj kaj kelkaj gefiloj. La tria edzino, panjo, ĉiam loĝas en Lomeo kun kelkaj el miaj gefratoj. Mi mem loĝas for de ŝi en alia kvartalo. Mi estas la 13-a infano de mia patro kaj la 3-a el 8 de mia patrino.

## Memorindaj datoj Togolande

18-30 aŭg. 2014: Lingvo-staĝo kun ebla ekzamensesio
26 jul. 2014: Tago de Esperanto, Lomeo
14 dec. 2014: Tago de Zamenhof, Lomeo
26-27 dec. 2014: 22-a Togolanda Eo- Kongreso
27-29 dec.2014: AMO-Seminario, Aneho

# Ĉu vi jam pagis vian jarkotizon al UTE?

Jen do la okazo por plenumi tiun devon vian, ĉar estas la sola maniero por vivteni nian landan Asocion dum tiuj tre malfacilaj momentoj.

La pago de tiu ĉi kotizo certigas vian membrecon ĉe UTE en la jaro 2014.

Bonvolu kontakti la kasistinon Valentine je 90969550.
Retadreso de UTE:
utetogo@hotmail.com



**De maldekstre: K. Sagbadjélou, paĉjo, Jean-Pierre kaj malantaŭ ili estas Didier**

# Omaĝe al valora filo de Anjronkope

La Togolanda ŝtato faris solenan omaĝon al episkopo Robert Casimir Dosseh-Anyron, unua ĉefepiskopo de Togolando, kiu mortis en Francio komence de aprilo, je la aĝo de 89 jaroj.

Episkopo Robert Casimir Dosseh-Anyron (devenis el la vilaĝo Anjronkope same kiel multaj pioniroj de la Togolanda Esperanto movado) brave servis la Eklezion kaj la Nacion: li sukcesis multajn ekleziajn realigaĵojn, sociajn kaj kulturajn.



Unu el liaj laboraĵoj estas la nacia himno de Togolando *Lando de niaj prauloj*. Ĝi estis verkita de li kaj komponita de lia frato Alex Casimir Dosseh-Anyron.

Adoptita en 1960, tiu ĉi himno estis anstataŭigita per alia himno verkita de la reganta partio inter 1979 kaj 1992, poste restaŭrita en 1992.

## Paroles du chant

*Salut à toi pays de nos aïeux,*
*Toi qui les rendait forts,*
*Paisibles et joyeux,*
*Cultivant vertu, vaillance,*
*Pour la postérité*
*Que viennent les tyrans,*
*Ton cœur soupire vers la liberté,*
*Togo debout, luttons sans défaillance,*
*Vainquons ou mourons, mais dans la dignité,*
*Grand Dieu, toi seul nous a exaltés,*
*Du Togo pour la prospérité,*
*Togolais viens, bâtissons la cité.*

*Dans l'unité nous voulons te servir,*
*C'est bien là de nos cœurs, le plus ardent désir,*
*Clamons fort notre devise,*
*Que rien ne peut ternir.*
*Seul artisan de ton bonheur, ainsi que de ton avenir,*
*Brisons partout les chaînes de la traîtrise,*
*Et nous te jurons toujours fidélité,*
*Et aimer, servir, se dépasser,*
*Faire encore de toi sans nous lasser,*
*Togo chéri, l'or de l'humanité.*

*Salut, Salut à l'Univers entier*
*Unissons nos efforts sur l'immense chantier*
*D'où naîtra toute nouvelle*
*La Grande Humanité*
*Partout au lieu de la misère, apportons la félicité.*
*Chassons du monde la haine rebelle*
*Finis l'esclavage et la Captivité*
*A l'étoile de la liberté,*
*Renouons la solidarité*
*Des Nations dans la fraternité.*

## Paroloj de la kanto

*Saluton al vi lando de niaj prapatroj,*
*Vi kiu igis ilin fortaj,*
*Pacaj kaj ĝojaj,*
*Kulturante virton, bravecon,*
*Por la prospero*
*Ke venu la tiranoj,*
*Via koro sopirĝemas al libereco,*
*Togolando staru, ni luktu konstante,*
*Ni venku aŭ ni mortu, sed en la digno,*
*Ĉiopova Dio, Vi sola ekzaltis nin,*
*De Togolando por la prospero,*
*Togolandano venu, ni konstruu nian landon.*

*En unueco ni volas servi vin,*
*Jen el niaj koroj la plej ardaj deziroj,*
*Ni klamu forte nian devizon,*
*Kiun nenio povas senbriligi.*
*Ni, solaj konstruantoj de viaj feliĉo kaj estonteco,*
*Ni disrompu ĉie la ĉenojn de mallojaleco,*
*Kaj ni ĵuras al vi ĉiam fidelecon,*
*Kaj ami, servi, memtransiĝi,*
*Ankoraŭ fari de vi nelaciĝante,*
*Amatan Togolandon, oro de l'homaro.*

*Saluton, saluton, al la tuta universo*
*Unuigu niajn fortojn sur la grandan konstruejon.*
*Kie naskiĝos tute nova,*
*La granda homaro*
*Ĉie anstataŭ mizeron, ni alportu feliĉon.*
*Ni forpelu el la mondo la malamon ribelan*
*Finiĝu sklaveco kaj servuteco*
*Al la stelo de libero,*
*Ni reamikiĝu kun la solidareco,*
*De naciaro en la frateco.*

*De vilaĝo al ĉefurbo* estas titolo de verko verŝajne plej konata en Togolando kaj en la cetera mondo. Ĝin verkis orginale s-ro Gbeglo Koffi kaj eldonis Fondaĵo *Afriko* de UEA en la jaro 1993.

"En 1989 la Togolandano Gbeglo Koffi aperigis la romaneton *Mi vizitis grandan urbon* (Zamenhof Editoras), kiu fascine konigas al la leganto Afrikan pens-manieron kaj la grandan diferencon inter urbo kaj kamparo. Per la dua verko, la aŭtoro ĝojigas tiujn, kiuj volas lerni pli pri la vivo en Afrika lando".




"*De vilaĝo al ĉefurbo* estas historio de la malfacila vojo de inteligenta kampara knabo al scio kaj klero. Ankaŭ la teksto de la verko estas verkita en la sama freŝa kaj klara stilo, kiu markas la unuan verkon de Koffi"

Por mendi la libron, oni bonvolu konktakti la libro-servon de UEA aŭ prefere la aŭtoron en la Afrika Centro Esperantista (ACE):

afrikacentro@hotmail.com aŭ esp.togo@cafe.tg